

# Brazila Esperantisto

OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO

110-a jaro - N-ro 359 - Oktobro 2017

## Brazilaj Kulturoj

En Brazilo estas multaj tipaj muzikaj stiloj aŭ eventoj kaj instrumentoj. Ĉu vi aŭdis pri Elomar?



PLU

Legu pri la Brazila Movado de Esperanto kaj aliaj novaĵoj

Opinio: Landnomoj, Ĉu Esperanto estas facila?




esperanto.org.br

**Brazila Esperantisto**
Nacia kaj Internacia Kulturo
110-a Jaro • N-ro 359 • Oktobro 2017

# Enhavo

01 **Enkonduko**
02 **Ĉefartikolo** Elomar Figueira Mello
04 **Paulo C. Pinheiro kaj la kanzona poezio** Brazila Kulturo
06 **Movadumi loke aŭ internacie. Ĉu dilemo?** Kulturo
07 **Esperantistoj marŝas favore al Scienco** Scienco
08 **BEJO jubileas - 50 jaroj de la movado** Brazila Movado
10 **Riĉenhava Kongreso en San-Paŭlo** Brazila Movado
12 **Rezolucio de la 52a BKE kaj 37a BEJK** Brazila Kongreso
14 **Kiu loĝas en Kolombio estas kolombo?** Lingva Angulo
17 **Reinaldo F. Geyer pioniro de nia Movado** Brazila Movado
18 **Brazila Movado** Informoj
20 **Forpasoj** Brazila Movado




Kovrilo: Evandro Avellar

"De la komenco ĝis nun mi ĉiam uzadis la nomon "Egipto" ne por la lando, sed por la popolo; la landon mi nomadis "Egiptujo". Mi tion faradis ne pro nesufiĉa pripenso, sed tute pripensite kaj intence. En la novaj landoj (ekzemple en ĉiuj landoj Amerikaj), la lando fakte kaj morale apartenas ne al ia difinita gento, sed egalrajte al ĉiuj siaj loĝantoj; tial estas afero tute natura, ke tie la lando ne uzas por si (per "uj"), la nomon de ia gento, sed kontraŭe, ĉiuj ĝiaj loĝantoj uzas por si (per "an") la nomon de la lando. Tute alia afero estis (kaj tradicie restis) en la landoj malnovaj: ĉiun pecon da tero okupis ia speciala gento, nomis la landon sia speciala genta propraĵo kaj ĉiujn aligentajn loĝantojn aŭ ekstermis, aŭ permesis al ili vivi en la lando kiel "fremduloj"; tial la landoj malnovaj preskaŭ ĉiam portas la nomon de tiu aŭ alia gento, kaj en Esperanto, ĝis la tempo, kiam ni havos nomojn pure geografiajn, ni tion esprimas per la sufikso "uj". La apud-Nila lando en la tempo de sia plej grava historia valoro estis lando antikva, aranĝita laŭ la principo "lando apartenas al unu gento", ĝi sekve nepre devas havi la sufikson "uj", por ke ni povu esprimi la tre gravan por antikva lando diferencon inter la gentomastro kaj la gentoj-fremduloj; ni scias ja el la Biblio, ke tiu diferenco en Egiptujo estis tre granda!." **Lingvaj Respondoj - Zamenhof**

**Revukunlaboraĵoj:** La ĉefredaktisto rigardas gravaj la kunlaboraĵojn senditajn de legantoj. Tamen, pro hommanko, spaclimigoj en la revuo, kaj kromaj limigoj, li rezervas al si la rajton: **1-e**: ne sciigi la ricevon; **2-e**: ne redoni la sendaĵojn; **3-e**: ne garantii la publikigon; **4-e**: mallongigi tekstojn tiam, kiam necese; **5-e**: ilin reviziigi laŭ ortografio, gramatiko kaj fakvortoj. **a)** Kiel gramatikan konsultfonton ni rekomendas la verkon Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko, de Bertilo Wennergren. **b)** La signifon de ĉiuj vortoj netroveblaj en Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto (2005) oni aparte klarigu per piednotoj aŭ glosaro. **c)** Ni uzos esperantigitajn ŝtato-nomojn kaj urbo-nomojn trovitajn en http://vortaro.esperanto.org.br. **d)** Ĉiam kiam eblas ni uzos simplajn vortojn kompreneblajn kaj konstruatajn surbaze de la krea kapablo de Esperanto anstataŭ la novaj radikoj (neologismoj) laŭ http://bonalingvo.net/ **e)** Ni uzos la sistemon -UJO por landnomoj laŭ la fundamentaj reguloj de la lingvo (kiujn oni eltiras el la libreto La Fundamento de Esperanto).

Komercaj markoj reproduktitaj celas nur ilustri kaj apartenas al la posedantoj.

**Anonctarifo:** Tabelo pri prezoj de anoncoj en *Brazila Esperantisto*, laŭ paĝonoj.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| tutpaĝa (19x25cm) 4-a kovrilo R$ 900,00 (kolora) 2-a kaj 3-a kovriloj R$ 600,00 (nigra-blanka) | 1/2 duonpaĝa (9x24cm) R$ 450,00 (kolora) R$ 300,00 (nigra-blanka) | 1/3 trionpaĝa horizontale (8x18cm) R$ 300,00 (kolora) R$ 200,00 (nigra-blanka) | 1/3 trionpaĝa vertikale (8x18cm) R$ 300,00 (kolora) R$ 200,00 (nigra-blanka) | 1/6 sesonpaĝa (7,8x8cm) R$ 150,00 (kolora) R$ 100,00 (nigra-blanka) |

Estimataj legantoj:

En 2017 ni festas la centdek-jariĝon de du eventoj speciale gravaj por la Esperanto-movado en Brazilo: la fondo de Brazila Esperanto-Ligo kaj unua numero de ĝia oficiala organo "Brazila Esperantisto".

Alia grava evento en 2017 estas 50-jariĝo de BEJO, dum la lasta Brazila Kongreso de Esperanto en la urbo Sorizo-MT, la junulara sekcio de BEL festis sian 50-jariĝon.

Por disvastigi la brazilan kulturon, vi trovos du artikolojn pri du kantistoj kaj komponistoj: Elomar Figueira Mello, ĉu vi konas la kanzonojn de tiu brazila kantisto? Kaj Paulo César Pinheiro, Cícero Soares tradukis la kanzonon *Vojaĝo* de li.

Wendel Pontes kontribuas per artikoloj pri Kulturo kaj Scienco. Kion signifas agi loke aŭ internacie?

En tiu jaro okazis la 52-a Brazila Kongreso de Esperanto kaj la 37-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso, kun 121 aliĝintoj, kunveninte en la urbo Sorizo, Mato-Groso, Brazilo, de la 15-a de junio al la 18-a de junio 2017. Vi povos legi la rezolucion de BKE.

En artikolo de Paulo Sérgio Viana vi legos pri la 11-a Ŝtata Kongreso de Esperanto kiu okazis inter la 12-a kaj la 15-a de oktobro 2017 en la urbo San-Paŭlo, en entuziasma etoso, kun partopreno de pli ol 120 enskribiĝintoj. Legu pri ĝi.

Ni invitas vin pensi pri tio: Se Esperanto, kiel ĉiu alia internacia planlingvo, volas havi avantaĝon rilate al naciaj lingvoj uzataj kiel internaciaj lingvoj, ĝi devas konservi sian regulecon kaj sian senesceptecon. Kiu loĝas en Kolombio estas kolomboj?

Pri niaj pioniroj, el Porto-Alegro César Dorneles kontribuas per artikolo pri Reinaldo Frederico Geyer kiu estis kuracisto, ĵurnalisto, anarkiisto kaj ... esperantisto.

Legu pri nia landa movado per novaĵoj pri eventoj kaj renkontiĝoj.

Ni profitas la okazon, por atentigi ĉiujn brazilajn esperantistojn pri la neceso aliĝi al BEL kaj al la ĉiujara Kongreso. La graveco kaj efiko de organizo estas rekte proporciaj al ĝia membronombro. Ne sufiĉas paroli aŭ legi esperante; necesas formale kaj aktive partopreni la movadon. Cetere, jam Zamenhof emfazis la neceson frekventi kongresojn, kie oni povas praktiki la lingvon kaj ensorbi esperantismon.

Legu kaj ĝuu! Vi povas sendi proponojn kaj komentojn al nia retadreso:

redakcio@esperanto.org.br

Bonan legadon al ĉiuj!



**Brazila Esperantisto**

ISSN 0006-9477
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
110-a jaro, N-ro 359, Oktobro 2017

**Eldona Stabo**
**Ĉefredaktisto:** Evandro Avellar
redakcio@esperanto.org.br

**Ĉi-numeraj kunlaborantoj**: César Dorneles, Cícero Soares, Euripedes Alves Barbosa, Fernando Maia Jr., Evandro Avellar, Juliana Evandro, Leandro Silvestre, Paulo Sérgio Viana kaj Wendel T. Pontes

**Grafika aranĝo kaj enpaĝigo:** Evandro Avellar
**Revizio kaj tradukado:** BEL-asesorskipo

Kontribuaĵojn kaj mesaĝojn sendu al la ĉefredaktisto: redakcio@esperanto.org.br

**Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem**

Brazila Esperanto-Ligo (Fondita en 1907)
**Sidejo:** SDS–Bloco P36–Salas 301/303–Ed. Venâncio III CEP 70393-902 Brasília,DF
**Telefono:** (0xx61) 3226-1298
**Retadreso:** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo:** www.esperanto.org.br

Brazila Kulturo

# Elomar Figueira Mello

Elomar Figueira Mello (Vitorja-da-Konkisto[1], 21-an de decembro 1937) estas brazila kantisto kaj komponisto.

Lia nomo aperis kun variaĵoj en la unuaj diskoj, kio kontribuis al duboj kaj konfuzoj pri la skribkaraktero. La formo adoptita en la publikigado de siaj verkoj de la albumo *En la Kvadrato de la Perditaj Akvoj*, en 1978, estis difinita kiel Elomar Figueira Mello.




## Biografio

Elomar naskiĝis en la bieno *"Boa Vista"* [Bela Panoramo] apartenanta al siaj geavoj, S-ro Virgilio Figueira kaj S-ino Dona Maricota Gusmao Figueira.

La katolika formado estis heredita de la familio, ĉefe de sia avino "*patrino Neném*". Citaĵoj pri la Virgulino Maria kaj la Sanktuloj, ankaŭ pri La Malnova Testamento ĉiam aperas en la kanzon-teksto de lia verko, kiel en *"Eĥoj de Strofo de Ĥabakuk*[2]*"*.

Liaj gepatroj estis Ernesto Santos Mello, filo de tradicia familio de Itambeo[3] kaj Eurides Gusmao Figueira Mello. Li havis du gefratojn: Dimas kaj Neide.

De la aĝo de tri ĝis sep jaroj Elomar loĝis en la urbo de Vitorja-da-Konkisto, depost tiam li ekvivis en la bienoj de siaj parencoj, kiel la Bienoj Brejo, Coatis, Palmeira kaj La "Bieno de São Joaquim", kiu tiom inspiris al li liajn kantojn.

Li studis inter la sertono[4] kaj la ĉefurbo kaj poste, en la 1960-aj jaroj, li diplomiĝis je Arkitekturo en Federacia Universitato de Bahio. Li ankaŭ pasis rapide tra la Lernejo de Muziko de la sama Universitato.

Edziĝinta al Adalmária de Carvalho Mello estas patro de Rosa Duprado, João Ernesto kaj João Omar (reĝisoro).

Elomar preferas vivi la plej grandan parton de sia tempo en siaj bienoj: En la Bieno *Gameleira*, kiun li nomas *Casa dos Carneiros* (Domo de la Ŝafoj), senmortigita en la muziko *Cantiga do Amigo* (Kanzono de la Amiko), estas je 22 Km de Vitorja-da-Konkisto, en la Bieno *Duas Passsagens* kiu situas en la baseno de la Rivero *Gavião* kaj en la Bieno *Lagoa dos Patos*, en *Chapada Diamantina* (altebenaĵo).

Elomar, kiel Glauber Rocha kaj Xangai, estas rekta posteulo de *Bandeirante* [bandejrano] kaj *Sertanista* [sertonisto] João Gonçalves da Costa, fondinto en 1783 de *Arraial da Con+*

1 - Estas municipo en la brazila subŝtato Bahio. / 2 - Biblia profeto / 3- Itambeo estas municipo en la brazila subŝtato Bahio.
4- Internlando kaj Regiono de Nordorienta parto de Brazilo

*quista*, nun la urbo Vitorja-da-Konkisto.

De 2000 ĝis 2004 li vivis en la malgranda urbo *Lagoa Real*, dungita por fari koruson en loka komunumo kaj krei projekton de sertonana opero.

## Propra stilo

Post surbendigi sian unuan albumon ... *Das Barrancas do Rio Gavião*, li komencis investi plu en sia muzika kariero, influita de iberia kaj araba tradicio kiun la portugala koloniigo enkondukis al la nordorienta parto de Brazilo, sed nur en la fino de la 1970-aj jaroj kaj komenco de la 1980-aj jaroj, li malpli emfazis pri arkitekturo por dediĉi al la pilgrimado al teatroj de la lando, de scenejo al scenejo, ludante kaj interpretante sian repertuaron kaj pecojn kiuj estos siaj erudiciaj komponaĵoj.

Granda parto de la muzikaj tekstoj kaj verkoj de Elomar estas skribitaj en dialekto ***sertaneza***, lingva dialekto kiun li uzas en siaj muzikoj. Kun sia tipa stilo por ludi la gitaron, li ofte ŝanĝas la tonojn de la instrumentoj, Elomar kreis famon inter la gitaristoj. En 1990 li registris la faman albumon *"Elomar em Concerto"*, akompanita de Bessler-Reis.

Malfavora al ekspozicio en amaskomunikiloj por disvastigi sian propran laboron, li preferas la izolitan vivon de la bienoj, for de la grandaj urboj, zorgante kaprinojn. Tamen, eĉ tiel kelkaj el liaj komponadoj estis relative famaj kiel *"Clario"*, *"O Violeiro"*, *"Arrumação"* kaj *"O Peão na Amarração"*. ■



## Diskografio:

- O Violeiro/Canções da catingueira (1968)
- Das Barrancas do Rio Gavião (1972)
- Na Quadrada das Águas Perdidas (1978)
- Parcelada Malunga (1980)
- Fantasia Leiga para um Rio Seco (1981)
- ConSertão (1982)
- Cartas Catingueiras (1983)
- Auto da Catingueira (1983)
- Cantoria 1 (1984)
- Cantoria 2 (1984)
- Concerto Sertanez (1988)
- Sertania (1985)
- Dos Confins do Sertão (1986)
- Elomar em Concerto (1989)
- Árias Sertânicas (1992)
- Cantoria 3 (1995)














































# Paulo César Pinheiro kaj la kanzona poezio

Cícero Soares

Elstara parto de la brazila poezio kuŝas en la versoj de ĝia populara kanzontrezoro. Almenaŭ de tiuj kanzonoj, kiuj komponiĝis de post la 60-aj jaroj.

La brazila muzika movado bosanovo, kiu disvastiĝis mondskale per la artismo de altkvalitaj muzikistoj, tiris post siaj ŝatataj melodioj verkaĵojn de bonegaj poetoj. Tiu tradicio, jam trovebla ekde la 20-aj jaroj en la universo de la sambo-stilo, influis postajn generaciojn de popolmuzikaj komponistoj.

La plej bonaj tekstoj de tiuj kanzonoj prezentas perfektan akomodon al la muziko. Ili enhavas trafan elekton de belsonaj vortoj, ili uzas ĉiujn rimedojn de la poezia lingvaĵo (aliteracion, asonancon, rimojn, lingvofigurojn) kaj samtempe ili ne perdas la freŝecon de verko, kiu celas esti libere kantata de popolamasoj.

Unu el tiuj poetoj uzantaj la popolan muzikon kiel vehiklon por poeziesprimo estas Paulo César Pinheiro. Li estas multflanka artisto, sambisto, verkisto, muzikesploristo. Li partoprenis centon da kanzonpartneraĵoj, komponis pli ol du mil kanzonojn kaj lia verkaro disŝutatas per la voĉo kaj ludado de la plej gravaj brazilaj kantistoj.

Por montri la simplan belecon de la stilo de Paulo César Pinheiro, ni prezentas lian unuan famkonatan muzikpoemon VIAGEM (Vojaĝo), en kiu la poeto adiaŭas malĝojon por promeni kun sia muzo per valso plena de belaj imagbildoj.

Tiun kanzonon, tamen, li verkis estante nur 14-jara, antaŭmontrante talenton, kiu ankoraŭ floras tra la daŭra laboro de tiu artisto.

La traduko sekvas la prozodion de la originalo, do ĝi estas kantebla kaj povas esti taŭge uzata dum Esperanto-klasoj. ■

## VOJAĜO

**(Paulo C. Pinheiro/João de Aquino)**
**Tradukis: Cícero Soares**

Ho, Malĝojo, min pardonu
mi vojaĝo-pretas
nun la Poezio
venis miaflanken
jam tagoheliĝas
ni vojaĝos for

Per rajdado senbileta
sur dorso malpeza
de l' molmola vento
vento devenanta
jam de malproksime
de la mara kor'



Ni vizitos belan stelon
de frua sunpleno
laŭdire perdita
en la frumateno
sed ĝi ja kaŝiĝas
per luda petol'

Sidu sur ĉi nuba helo,
mia poezio,
al nia orelo
portu kanton belan
ni aerprisemu
per muzikodor'

Kiom da flugiloj blankaj,
mia poezio,
dancas nian valson
tra l' ĉiel'. Kaj Dio
ĝin brode ornamas
per suna kolor'

Ho, min helpu, poezio,
Mi plukos liliojn
rozojn, adiantojn
tra verdaj ebenoj
nomataj ĝardenoj
de l' ĉielfavor'

Sed vi povas trankviliĝi,
mia poezio,
ĉar ni turnalvenos
sur gvidanta stelo
sub lunluma helo
de l' noktiĝa hor'

Kial ne l' eventualo
de reveno kuna
sur bruna ĉevalo
la nokta stalono
ĝia nomo - luna
fulmo de Amor'

Wendel J. Teles Pontes

# Movadumi loke aŭ internacie. Ĉu dilemo?



Kiam oni lernas Esperanton, vole-nevole ni enmergiĝas en ties kulturon. La konsekvenco povas esti ke ni interesiĝas sufiĉe por engaĝiĝi kaj movadumi. Tamen en Esperantujo movadi estas tre simpla vorto por ege malsimilaj agadformoj.

Cele simpligi la tekston, mi resumas la movadumon en du kategorioj: tiuj kiuj agas loke, kaj tiuj kiuj agas internacie. Ambaŭ havas siajn idiosinkraziojn.

Kion signifas agi loke? Ofte ni tenas al ni la respondecon propagandi, lerni, stimuli studadon kaj instrui Esperanton ĉe la ĉirkaŭaĵo. Tiun decidon ofte ni faras grandparte pro la karakterizaĵoj de la tiea esperantumado. Ni tendencas sekvi la spurojn de la antaŭuloj, kaj ni persvadiĝas laŭ ties vojo. Agi loke ankaŭ estas monŝpara. Vi ne devas elspezi por longaj vojaĝoj kaj tranoktoj. Ankaŭ estas sufiĉe simpla: instrui kaj propagandi loke dependas de individuaj stimuloj kaj persona kapablo agadi. Vi fakte engaĝiĝas en jam ekzistanta pli-malpli stabila grupo, kaj nur devas oferi aldonan helpon.



Tamen agi nur loke ne permesas al vi ĝui la internaciecon de la movado, almenaŭ fizike. Vi kontaktiĝas kun aliaj esperantistoj el diversaj landoj, komunikiĝas, sed vere ne sentas la internacian etoson de esperanta-aranĝo, krom tiuj planitaj kaj organizitaj de la loka grupo. La kontakto kun fremdaj esperantistoj ofte estas la ĝusta ellasilo por daŭre nutri vian entuziasmon labori ĉi-cele. Iom post iom, post diligenta laboro, vi fariĝas fundamenta por funkciigi la lokan strukturon kaj movadon. Instruante esperanton – kaj ni konsideru ke vi ne estas sperta instruisto pri lingvoj – kio estas malfacila tasko ĉefe al tiuj kiuj ne profesie laboras en samrilataj fakoj.

La laboro de la loka movadano havas siajn elreviĝojn. Oni malĝoje konstatas ke la studentoj perdas entuziasmon kiam ili ne evoluas laŭ siaj planoj kaj konsekvence la gelernantaro velkas. Ofte ni havas unu aŭ du finlernantojn de la baza kurso. Kaj propagandi pri internacieco ne havante tiun sperton estas vere tikla kaj ofte malkonvinka.

Agi internacie, aliflanke havas diversajn avantaĝojn. Vi konatiĝas kun multaj esperantistoj el aliaj landoj, foje vi ricevas stipendion aŭ subvencion vojaĝi eksterlanden, sperti en ofte tre agrabla etoso. Eĉ rilate al burokrataj kunsidoj estas pli agrablaj, ĉar vi spertas ĉion kion vi instruis kaj propagandis. Vi travivas la mondon per la okuloj de la idealo de esperanto. Aldone, via flueco en la lingvo altiĝas notinde.

Tiuj kiuj agas nur internacie, foje ne havas intereson aŭ grave rolas en la loka esperanto-movado. Ne interesiĝas pri lokaj kunsidoj, prelegoj, debatoj, lecionoj. Simple ne miksiĝas kun samurbaj esperantistoj. Laŭ sia vidpunkto, labori grandskale pli gravas. Eventuale eĉ ne havas paciencon konversacii kun komencanto. Konsideras perdon je tempo. Feliĉe maloftas, ke tiuj kiuj nur interesiĝas pri internacia agado fariĝas arogantaj.

Dezirindas, ke ĉiuj same laboru en la du flankoj, ekvilibre. Tamen estas tro postuli de diversaj volontuloj, kiuj diversgrade konatiĝis kaj spertis en Esperantujo, havi tiun komprenon. Ambaŭ grave rolas por la tuta movado. Spite de tio, oni ĉiam bedaŭras kiam konatiĝas kun flua parolanto, kiu simple ignoras kaj ne interesiĝas pri la loka agado en sia urbo. ■

# Esperantistoj marŝas favore al Scienco



Francesco Maurelli en Usono

La 22-an de Aprilo oni festas la Internacia Tago de la Tero. Ĉi-dato ankaŭ estis elektita por ke sciencistoj el ĉiuj landoj marŝu por altigi la videblecon de scienco kiel grava ilo por la Homaro. La motivoj de la marŝo estas elmontri al la socio kial gravas subteni sciencan esploradon kaj uzi ties informojn en politikaj decidoj. La marŝo okazis en diversaj landoj, en pli malpli 600 urboj.

Almenaŭ en tri landoj estis esperantistoj kiuj partoprenis la marŝadon. En Francio la prezidanto de ISAE (Internacia Scienca Asocio Esperanta), Anthony Lucas, enviciĝis kun la tiea sciencistaro. Aliaj ISAE-membroj reprezentis la esperantan movadon en Usono (Francesco Maurelli) kaj Brazilo (Wendel Pontes), en la marŝoj de Kembriĝo kaj Recifo.■



Anthony Lucas en Francio



Wendel pontes en Brazilo



# BEJO jubileas – 50 jaroj de


JULIANA EVANDRO


SARAH MONTEIRO

Dum la lasta Brazila Kongreso de Esperanto en la urbo Sorizo-MT, la junulara sekcio de BEL festis sian 50-jariĝon. Kun granda entuziasmo, la junularo organizis specialan vesperan programon por celebri tiun gravan daton. Dum la tuta nokto, la atento de la kongresanoj turniĝis al la bravaj gejunuloj: Lucas Barbosa gvidis la cerimonion, parolante pri la historio de BEJO kaj pri diversaj gravaj homoj, kiuj havis kernan rolon por la fondiĝo kaj propero de la junulara sekcio de BEL. Dum la cerimonio, kelkaj homoj estis elektitaj kiel honoraj patronoj de BEJO pro siaj gravaj roloj por la agado de la organizo, inter ili Jair Sales, Ciro Gomes de Freitas, Neia de Souza, Fernando Maia Jr. kaj Maria Barcelos. Poste, mi kiel prezidanto paroladis pri la graveco investi en la junularo cele al havi je la estonteco viglan kaj kvalitan esperanto-movado. La ĉeestintoj ricevis donace bonan surprizmuzikan koncerton fare de Emerson dos Santos. Li estis, kune kun Vinicio Sousa, subvenciitaj por deĵori en la libroservo kaj tiel ili havis la eblon partopreni sian unuan esperantan aranĝon. Ankoraŭ dum la BEJO-nokto, nia teamo, gvidita de Vinicius Hpr, lotumis diversajn valoraĵojn, inter ili, specialajn horloĝojn kun la verda stelo. Speciala dankon ŝuldiĝas al Tamires Queiroz kaj Augusto Gabriel pro la engaĝiĝo pretigi la belan feston.

Dum la kongreso, la du lastaj ataŝeoj de BEJO, Lucas Barbosa kaj Euleax Elias prezentis al la publiko siajn spertojn reprezentante nin dum siaj rondvojaĝoj tra Eŭropo kaj la rezultojn de tio por siaj maturiĝo kaj kapabliĝo kiel aktivuloj. Fine de la kongreso, Querino Neto, kiu ankaŭ estis elektita de TEJO por partopreni en la Internacia Junulara Kongreso en Togolando, estis oficialigita kiel sekretario de BEJO.

Ne estas malmodesto havi grandan fieron pri BEJO, sed bona agnosko de la realeco. BEJO organizas 4 eventojn jare: Novjara Aranĝo, Vintra Aranĝo, Junulara Rekontiĝo de Nordorieto kaj la Brazila Esperantista Junulara Kongreso. Krom la programo BEJO-ataŝo, ni ankaŭ subvencias la vojaĝon de Karina Oliveira por studi lingvistkon kaj esperantologion en la universitato UAM, en Poznano (Pollando).

Certe, starigi agadojn por videbligi la internacian lingvon inter la junularo, doni

# la brazila junulara movado





ALLAN ARGOLO



QUERINO NETO

oportunojn al entuziasmaj esperantistoj sen sufiĉe da rimedoj por fizike partopreni nian komunumon kaj kapabliĝi per Esperanto estas tre grava. Sed la bazo de tiom forta kaj vigla BEJO estas la sento de amikeco, kunlaboro kaj solidareco inter siaj membroj. Multe pli ol la plej vigla junulara organizo de la mondo, BEJO estas prospera familio kun malfermitaj brakoj al ĉiuj.

Estonteco, defioj kaj sociretaj agadoj

La Tutmonda Junulara Organizo starigas nuntempe grandegan interkontinentan projekton inter Eŭropo kaj Afriko. Tra ĝi, pli ol 70 gejunuloj de du kontinentoj interŝanĝas spertojn kaj interkapabliĝas per intensaj trejnadoj. Jam estis sendita al EU-instanco similan projekton inter Eŭropo kaj Ameriko, kaj BEJO estas unu el la ĉefaj partneroj. Se aprobita, tio estos tre grava momento por la junulara movado en nia kontinento kaj multaj brazilanoj havos unikan oportonon en siaj vivoj.

Dume, Sarah Monteiro kaj Túlio Flores kunordigas la sekvan ViNa-n (Vintra Aranĝo), en la urbo Belo-Horizonto. Ĝi okazos inter la 12-a kaj 15-a de oktobro kaj jam atendas vian ĉeeston. Krome, jam ekis la organizado de la 38-a BEJK en Kuritibo, por kio estas planitaj Kulturregiona Festivalo, koncertoj kaj teatraĵoj, inter aliaj kelkaj surprizoj.

Por havi konstante novaĵojn de BEJO, indas sekvi nian paĝon en Facebook (fb.com/bejoesperanto) kaj nian profilon en instagramo (instagram.com/bejoesperanto). Nia retpaĝo ankaŭ estis reativigita (bejo.esperanto.org.br) danke al Ítrio Nunes kaj ni havas aktivegan grupon en Whatsapp, kie ĉiutage oni interŝanĝas spertojn. Por partopreni en ĝi, sufiĉas petskribi al ni tra ajna el niaj kanaloj.

Ne forgesu, ke ĉiuj agadoj de BEJO nur estas eblaj pro la monapogo de diversaj homoj. Vi ĉiam povas iĝi apoganto per via membriĝo, patroniĝo aŭ helpi per ajna donaco tra UEA-konto (beli-r), bankokonto de BEL aŭ tra la retejo Bel@butiko.

Restu kun ni dum la sekvaj 50-jaroj, pli kaj plu! ■

# RIĈENHAVA KONGRESO EN SAN-PAŬLO



Inter la 12-a kaj la 15-a de oktobro 2017 okazis en la urbo San-Paŭlo, en entuziasma etoso, la 11-a Ŝtata Kongreso de Esperanto, kun partopreno de pli ol 120 enskribiĝintoj. La sidejo de la evento estis vasta salono en tre agrabla, arboplena Asocio de Oficiroj de la Militista Polico de la Ŝtato, en la kvartalo Tremembé. Partoprenis homoj el pluraj urboj en ĉi tiu kaj el aliaj brazilaj ŝtatoj. Unu samideanino el Rumanujo kaj diversaj reprezentantoj el la movado Oomoto aktivis dum la kongreso. La malferman ceremonion partoprenis kolonelo Edson Arruda, estro de la trafikkontrola servo en la urbo San-Paŭlo, kiu bele salutis la kongresanojn kiel reprezentanto de la institucio kiu gastigis la kongreson. La prezidanto de EASP, Genildo Coelho, festparoladis pri la 80-jara jubileo de EASP kaj kortuŝe omaĝis ĝiajn pionirojn kaj mecenatojn.

La kerno de la laboro koncentriĝis en tuta kolekto da altnivelaj prelegoj pri plej diversaj temoj: pri la influo de pensoj kaj sentoj en nia sano (D-ro Floriano Pessoa); pri impresoj pri la Universala Kongreso en Seulo (Aparecida Araújo); pri Kolombio (Alfredo Aragon); pri la vivo de Sophie Germain (Audino Branco); pri homaranismo (D-ro Elmir Lima); pri la Kastelo Gresillon (Eugênio Morais); pri nova politiko de UEA por informado (Emílio Cid); pri konstruado en antikva Egiptujo (Francisco Wechsler); pri Rumanujo, mioritika lando (Manuela







Burghelea).

Krom tiuj, okazis ankaŭ ok 15-minutaj prelegetoj pri plej variaj temoj, kiuj konkuris al premio. Plej multajn voĉdonojn ricevis junulo Wilian Gomes, kiu eklernis Esperanton antaŭ apenaŭ unu jaro kaj unuafoje partoprenis Esperantokongreson (li prelegetis dufoje: pri samtempa interpretado kaj pri Taroko). Gratulon!

Novaĵo promesdona estis la okazigo de "Brokanta Foiro", sub la respondeco de junulo Leandro Abrahão, el Brasília. La poetino Nazaré Laroca lanĉis novan libron "Birda Grundo" en "Aŭtora Duonhoro".

Okazis ankaŭ metiaranĝo pri animado de pupoj, tabloludoj, kaj interesa intervjuo kun du aktivaj junulinoj Ana Oliveira kaj Manuela Burghelea("Viva Gazeto").En du vesperaj arthoroj Esperantistoj kantis, anekdotis, kaj skeĉis. Juna aktoro Vinicius HPR kaj muzikisto João Aquino prezentis teatraĵon "Malĝustaj Linioj" kaj veterano Amarílio Carvalho prezentis sian historian monologon "Tiradentes". Dirce Sales kantis kvar sentoplenajn kantojn en Esperanto. Kantisto Tone prezentis viglajn deklamkantojn. Dum tri tagoj funkciis ĉambro por kunsido de Oomotanoj kaj simpatiantoj.



Belega ekskurso dum unu suna mateno okazis kun sufiĉe multenombra partopreno, en la naturparko "Horto Florestal", kiu situas proksime al la kongresejo.

Dum la tuta kongreso funkciis ampleksa butiko por vendado de libroj kaj aliaj esperantaĵoj, sub la ĉefa organizo de EASP-ano Carlos Rodrigues.

La proksima kongreso de EASP okazos en la turisma urbo Atibaia, en oktobro 2018. ■





# Rezolucio de la 52-a Brazila Kongreso de Esperanto kaj de la 37-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso

La 52-a Brazila Kongreso de Esperanto kaj la 37-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso, kun 121 aliĝintoj, kunveninte en la urbo Sorizo, Matogroso, Brazilo, de la 15-a de junio al la 18-a de junio 2017,

Diskutinte la temon "Esperanto: lingvo kun historio kaj kulturo",

Demandante sin ĉu lingvo havas kulturon aŭ estas parto de kulturo kaj pensigante pri kiu venas unue, lingvo aŭ kulturo,

Akceptas, ke la lingvo estas unu el la medioj, per kiu la kulturo alfloras, kaj atestas, ke L. L. Zamenhof testis la lingvon per kulturaĵoj – originalaj tekstoj, tradukoj, poezio, ekzemploj de leteroj kun homimpresaj interŝanĝoj ktp. – tiel ke la lingvo de sia unua momento jam ekperis alfluon de kulturo, kaj ke li per sia kultura bagaĝo iniciatis la lingvon kaj ke tuj poste la homoj lernintaj ĝin aldonis kaj plu aldonas kulturon al ĝi, tiel ke la konceptoj lingvo kaj kulturo kaj historio sin miksas,

Konsideras, ke la rezulto el tio estas, ke Esperanto de la komenco de sia historio havas riĉan kulturon, kun aspektoj, kiuj havas identigeblajn originojn kaj samtempe kun dissolvite universala karaktero, egale funkciante kiel neŭtrala perilo por aliaj kulturoj,

Atentigas pri la graveco de libroj por Esperanto, por la disvastigo kaj teno de sia historio kaj kulturo, kaj aparte rekomendas por la temo la legadon de la libro "La defioj de la lingvoj", de Claude Piron,

Asertas, ke ne estas dubo, ke Esperanto havas historion kaj kulturon kaj ke la ekzisto de Esperanto-bibliotekoj kun miloj da libroj tra jardekoj ekde la apero de Esperanto en la mondo kaj kun librokolektoj kreskantaj kaj konstante renovigataj estas unu el la pruvoj pri tio kaj ke tial esperantistoj devas ĉiam klopodi tenadi tiujn spacojn,

Sed samtempe petas, ke esperantistoj ne limigu sin nur al la kapablo legi aŭ paroli Esperanton, tamen klopodu efektive praktiki kaj uzi la lingvon en diversaj kampoj, por daŭre konstrui la nomatan verdan kulturon de Esperanto, pluigante ĝin vivanta lingvo,

Reliefigas, ke pro tio esperantistoj respondecas regi la lingvon kaj ke tial gravas

konstante praktiki la lingvon, skribitan kaj parolatan, kaj teni plupraktikadajn programojn por plena rego kaj perfekta flua parolkapablo,

Identigas, ke la facileco lerni Esperanton estas pozitiva trajto por permesi pli rapide irigi la lingvo-uzanton al flua parolkapablo, ke la sistemo de afiksoj helpas trovi komuniksolvojn eĉ se la ligvo-uzanto ankoraŭ havas limigitan vortstokon, sed ke tiu facileco devas esti reklame disvastigita kun ĝusta celo kaj rezono kaj ke la instruistoj kaj metodoj devas ĉiam stimuli la lernantojn al plua progresado,

Rigardas al la konstanta renovigo de generacioj, per kiu la movado ĉirkaŭ Esperanto ne stagnas, sed reliefigas, ke junuloj kaj la novaj generacioj konsistas je grupo kun bezonoj pri financa apogo kaj ke pro tio gravas teni programojn por inkluzivi tiun tavolon de la movado,

Zorge atentigas, ke la ĉeesto de infanoj en kongresoj pli kaj pli malgrandiĝas kaj ke infanoj estas same grave atentinda tavolo de la movado kaj ke tial ĝi devas pristudi tion, kio malinstigas kaj malfaciligas la venon de infanoj kaj familioj al la kongresoj,

Agnoskas, ke nuntempe milionoj da homoj lernas Esperanton memstare per komputilaj aŭ poŝtelefonaj rimedoj kaj ke endas okazigi agadojn por tiuj lernantoj, por akcepti la novajn parolantojn, kiuj neniam spertis esti en klasĉambro,

Ke interretaj kursoj kaj teknologiaj ebloj estas grandaj pontoj al la Esperanto-movado, kaj ke ambaŭ gravas kaj sin kompletigas: la unuaj vaste permesante la lernadon kaj la dua instigante al la plua uzado per viva kontakto kun homoj kaj aliro al asocioj kaj aliaj grupoj,

Ke niaj kongresoj havas etoson per kiu oni povas vidi, ke Esperanto havas kulturon kaj historion, frontante la misinformon, ke Esperante estas senanima artefarita lingvo, tamen ke plu endas trafe labori por la disvastigo de Esperanto kontraŭ ĉia antaŭjuĝo,

Ke estas grave analizi kaj agnoski la obstaklojn de Esperanto kiel movado, sed laŭ la skaloj de tiu movado, kaj trovi la ekvilibron inter realismo kaj idealismo laŭ tiu skalo, tio estas akcepti la pozitivajn aspektojn kaj necesojn de niaj nuntempaj agadoj ene de nia grandeco, sen malkonsideri la eblojn progresi kaj neniam malesperi pri nia relativa malgrandeco antaŭ tiuj senfinaj ebloj de nia estonteco kaj historio,

Ke la kulturaj trajtoj de Esperanto, de la lingvo kaj de ties historio, instigas la homojn labori por Esperanto,

Kaj finfine, en tiu jaro, kiam oni celebras la 50-jariĝon de BEJO, la 110-jariĝon de BEL, la 100-an jaron de sopiro pri L. L. Zamenhof kaj la 130-jariĝon de la lingvo Esperanto, rememorigas kaj rekonas la gravan rolon de asocioj kaj organizitaj grupoj por Esperanto, por plu antaŭenpuŝi ĝin kiel helpilon de la homaro.

Sorriso, la 18-a de junio 2017.








# Landonomoj: Kiu loĝas en Kolombio estas kolombo?



## La baza sistemo

La sistemo de la landonomoj en Esperanto havas DU PARTOJN. La landonomoj estas formataj laŭ du manieroj. Ambaŭ partoj de la sistemo estas simplaj kaj senesceptaj.

En la praktiko montriĝis, ke la du metodoj pli bone kongruas kun tio, kio okazas en la lingvoj de la mondo kaj en la mensoj de la homaro.

## Unua parto : gento devenas el landnomo

**"Nom-" -ano**

Oni ekiras de la nomo de la lando, por formi la nomon de la landano, laŭ la ĝenerala regulo urbo --> urb-ano, Parizo --> Parizano, ktp.

| Lando | homo |
|---|---|
| Brazil-o | brazil-ano |
| Uson-o | uson-ano |
| Kolombi-o | kolombi-ano |
| Pakistan-o | pakistan-ano |
| Indonezi-o | indonezi-ano |
| Kenj-o | kenj-ano |
| Sud-Afrik-o | sud-afrik-ano |

En ĉi tiu parto de la sistemo la radiko indikas la landon, kaj necesas aldoni la finaĵon -ano por krei la nomon de la homo, kiu *loĝas* tie.

**"Nomland-" -ano**

Same funkcias la subaj ekzemploj, en kiuj la parto "land-" estas parto **nedividebla** de la radiko:

| Lando | homo |
|---|---|
| Irland-o | irland-ano |
| Island-o | island-ano |
| Nederland-o | nederland-ano |

Tiuj nomoj apartenas al la unua parto de la sistemo.

La radiko inkluzive de la "land" indikas la landon, kaj necesas aldoni la finaĵon -ano por krei la nomon de la homo, kiu loĝas tie.

-lando ne estas finaĵo, sed estas esenca parto de la radiko, kiun oni ne povas forigi.

**"Nomi-" -ano**

Simile kaj tute regule funkcias la subaj ekzemploj:

| Lando | homo |
|---|---|
| —o | —ano |
| Kolombi-o | kolombi-ano |
| Ĉili-o | ĉili-ano |
| Siri-o | siri-ano |
| Indonezi-o | indonezi-ano |
| Aŭstrali-o | aŭstrali-ano |
| Niĝeri-o | niĝeri-ano |
| Liberi-o | liberi-ano |

Tiuj landoj apartenas al la unua parto de la sistemo. La radiko indikas la landon, kaj necesas aldoni la finaĵon -ano por krei la nomon de la homo, kiu loĝas tie.

*-i-* ne estas parto de la finaĵo. Ĝi estas esenca parto de la radiko, kiun oni ne povas forigi.

En tiuj ekzemploj, -io ne anstataŭas la normalan finaĵon -ujo. Oni ne povas diri "Kolombujo", "Ĉilujo" ktp.

Pri la problemoj kaŭzataj de la nesekvo de la bazaj reguloj kaj de la uzo de -io anstataŭ -ujo vidu poste.

### Pakistano

Apartenas al la unua parto de la sistemo ankaŭ la land-nomo Pakistano (ĉar ne ekzistas popolo, kiu nomiĝas "pakoj"). La finaĵo -istano estas esenca parto de la radiko, kiun oni ne povas forigi:

| *Lando* | *homo* |
|---|---|
| —o | —ano |
| Pakistan-o | pakistan-ano |

## Dua parto : landnomo devenas el gento

### Gento kaj Gent-ujo

De la nomo de la loĝanto oni konstruas la nomon de la lando.

| *homo* | *Lando* |
|---|---|
| —o | —ujo |
| ital-o | Ital-ujo |
| ĉin-o | Ĉin-ujo |
| egipt-o | Egipt-ujo. |

Ĉi tie la radiko indikas la homon, kaj necesas aldoni la finaĵon *-ujo* por krei la landonomon.

### Kiu estas la senco de la gentonomo

Kion signifas *italo*' en la frazo *Italoj loĝas en Italujo*. Origine ĝi signifis ke la itala gento estas la plej granda aŭ grava gento en Italujo aŭ gento signifa pro alia kaŭzo, kaj pro tio ili donis la nomon al la lando.

Nuntempe ĝi emas nur signifi ke *civitanoj de Italujo loĝas en Italujo*'. Alivorte la senco estas ŝanĝiĝanta pro la ŝanĝiĝo de la graveco de civitaneco kompare kun etna deveno. Tio ne estas same vera en la tuta mondo.

Tamen, multaj nun diras ke la rilatoj inter *italo* kaj *Italujo* estas precize sama je la rilato inter *nederlandano* kaj *Nederlando*.

### La tragedio de niaj tempoj: -io

Multaj homoj preferas uzi la finaĵon *-io* anstataŭ *-ujo*. Ekzemple:

Ĉi tiu sistemo estas kaj kontraŭa al la fundamentaj reguloj de la lingvo (kiujn oni eltiras el la libreto *La Fundamento de Esperanto*) kaj kaŭzas amason da problemoj, ĉar ne ĉiam eblas kompreni, kiuj landoj finiĝantaj per **-io** apartenas al la unua parto de la sistemo, kaj kiu apartenas al la dua parto de la sistemo, kiel ni vidos ankoraŭ sube. la vasta aplikado de **-io** portis la esperantistojn al situacio, en kiu la novaj lernantoj ne plu komprenas, kiel funkcias la sistemo.

Se vi havas la liston:

a) Ĉinio
b) Ĉilio
c) Francio
ĉ) Aŭstalio
d) Rusio
e) Kamerunio
f) Germanio
g) Meksikio
h) Anglio

Ĉu vi povas decidi en kiuj el tiuj vortoj la *-io*

estas finaĵo (anstataŭ -ujo aŭ -lando) kaj en kiuj ĝi estas parto de la radiko, tiel ke en Ĉilio loĝas ĉilianoj dum en Ĉinio loĝas ĉinoj?

Kompreneble ĉi tiu estas nur la plej evidenta problemo. Ekzistas ankoraŭ pli profundaj problemoj. Esence ĉi tiu sufikso **-i-** estus la unua, kiu ne kondutas kiel la aliaj sufiksoj en Esperanto, kiuj estas ĉiuj uzeblaj memstare. Oni provas ŝanĝi la lingvon de aglutina lingvo al hind-eŭropa lingvo.

Notu, ke:

a) **i/o** estus la sola sufikso kiu konsistas nur el unu litero
b) **-i** jam indikas la infinitivon
c) oni kutimas uzi afiksojn memstare (tiu ulo, el praa tempo, bela ino...)
d) kaze de **i-/o** (Francio kaj Italio estas ioj) tio kauzas konfuzon
e) **io** jam estas tabelvorto apud tio

## Opinio

Se Esperanto, kiel ĉiu alia internacia planlingvo, volas havi avantaĝon rilate al naciaj lingvoj uzataj kiel internaciaj lingvoj, ĝi devas konservi sian regulecon kaj sian senesceptecon.

Plananto de plan-lingvo, kiu intence enmetus malregulaĵojn, estus kazo por psiĥa esploro.

*Kial devigi la leganton traserĉi glosaron aŭ vortaron, se la saman sencon eblas esprimi per la normala lingvo?* (Claude Piron, La bona lingvo - Vieno: IEM 1997) ■



**Fonto:** Tiu teksto estas resumo de la artikolo "Landonomoj en Esperanto: facile kaj logike" de Renato Corsetti. - http://bonalingvo.net

## Io en ujo

Blazio Vaha

Io estas en ĉi ujo:
ĉu Francujo, ĉu Francio?
Mankas al mi klaraj konoj,
mankas ankaŭ ĝusta scio.

Devas ni elĵeti ion,
mi mem ja ne scias: kion?
ĉu mi ion svinge ĵetu,
ĉu mi ujon rompe tretu?

Eble mi elĵetos ion,
kaj mi l' ujon ne elĵetos.
En la ujo restos io:
ĉu Francujo, ĉu Francio.

Eble Francjo mem decidos,
en Franclando de la francoj,
plaĉas al ĝi kiu nomo,
ĉu Francujo, ĉu Francio.

Franca lando fore floras
damne, mi ĉi-fore ploras:
kaj Franclando kaj Francujo
estas en tre fora ujo.

Eble francoj mem ne scias,
ĉu la ujo estas bona,
tamen ujo estas bona,
en ĝi ĉiam estas io.

**Fonto:** Rusoj loĝas en Rusujo: landonomoj en Esperanto. Corsetti, Gubbins, Wennergren, de Kock, Vaha, Butler, Camacho k.a. Federazione Esperantista Italiana, Milano, 2007.

# Reinaldo F. Geyer, pioniro de nia Movado




César Dorneles Soares

Filo de unu el la fondintoj de *Casa Masson*, tradicia horloĝvendejo en Porto Alegre, Reinaldo Frederico Geyer estis kuracisto, ĵurnalisto, anarkiisto kaj… esperantisto. En septembro 1906, kune kun aliaj samideanoj, inter ili Christiano Kraemer, li fondis la unuan E-institucion en la gaŭĉa ĉefurbo: Esperanta Societo Sud-Riogranda (*), kun la celo *disvastigi kaj diskonigi la neŭtralan lingvon Esperanto pro la faciligo kaj utileco kiujn Esperanto alportas al la rilatoj inter individuoj el malsamaj landoj kaj, tre precipe, al la laboristaj rilatoj*, laŭ legpovas en *A Luta (La Lukto)*, anarkiista semajngazeto kiu cirkulis en Porto Alegre de 1906 ĝis 1912.




Kiel kuracisto, li estis antaŭe unu el la pioniroj en la esploroj pri sifiliso, unu el la tiamaj santurmentoj. Anarkiisto, li aktive partoprenis en la sociaj luktoj siatempaj, elstarigeble la serio da strikoj en 1915, 1916 kaj 1917, ĉilasta kun nacia amplekso.

Dum sia travivado kiel esperantisto, en la ĵurnalisma kampo, li estis unu el la fondintoj (**) de *Brazila Revuo Esperantista*, nuntempe *Brazila Esperantisto*, ekaperinta en Rio-de-Ĵanejro en 1907. Carlos Cavaco, en sia libro *Na luz da liberdade* (En la lumo de la libero), de 1914, asertis, ke Reinaldo Geyer posedis l*a kondiĉon de iu vera homo dum epoko en kiu la konscienco j estis luigataj kiel malpurajn litojn ĉe bordeloj. Li honorigis la sciencon kiun li praktikis kaj la epoko en kiu li vivis.* Kompreneble, ke por ni brazilaj esperantistoj, aparte la gaŭĉaj, lia memoro restas tre grava.

(*) La societo estis fondita, sub la iniciato de Christiano Kraemer, ĝia unua prezidanto, je la 2a de septembro, 1906, en kunsido realigita ĉe la Komerca Klubo de Porto Alegre. Ĝi sukcesis ĉ. 120 anojn kaj Reinaldo Geyer estis la 1a sekretario.

Okaze de la fondo, oni ricevis el L.L. Zamenhof poŝtkarton kiu tekstis jene: Varsovio, *28-06-1906. Karaj Sinjoroj! Al la Esperanta Societo Sud-Riogranda mi sendas koran saluton kaj deziron de plej bonaj sukcesoj. Via Zamenhof. P.S. – La titolo de Honora Prezidanto afable donacata al mi de via societo, mi akceptas kun kora danko.*

(**) Alberto A. Vieira kaj Everardo Backhauser estis la aliaj du fondintoj.

**Fontoj:** *Os Anarquistas no Rio Grande do Sul*, de João Batista Maçal; / *Esperantaj Societoj en Sud-Riogrando*, de Alberto Flores kaj Ivo Sanguinetti. (Originale publikigita en Gaja Haveno - n-ro 14 – Aprilo 2002)

## ENTUZIASMA RENKONTO EN LA PARAIBA VALO



La 28-an de majo 2017 okazis en la urbo Lorena, ŝtato San-Paŭlo, en la regiono nomata Paraíba Valo, unu plia tradicia renkonto de Esperantistoj. Partoprenis pli ol 30 personoj el 10 urboj. Matene, ĉefprelegis Nazaré Laroca ("Miaj spertoj en NASK"), kun montro de filmoj de la interreta kanalo "Globeto". Sekvis nelongaj prelegetoj de João Santos ("La agado de Societo Lorenz") kaj Cristina Graaf ("La rilatoj inter dorlotbestoj kaj la homoj"). Krome, estraranoj de Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro, Esperanto-Asocio de San-Paŭlo kaj Kultura Kooperativo de Esperantistoj salutis kaj informis pri sia lastatempa agado. Gravaj interkonsentoj inter AERĴ kaj EASP rezultigis la decidon organizi en aprilo 2018, en ĉi tiu sama urbo Lorena, eventon por helpi Esperanto-kursgvidantojn.

Post la tagmanĝa paŭzo, veterana (94-jara!) samideano Alberto Flores informis pri la jubilea kurso de Esperanto por emeritoj kaj pensiuloj en la urbo Volta Redonda, ŝtato Rio-de-Ĵanejro, kiu kompletigas 20 jarojn da senĉesa funkciado. Sekvis "Guto da Gramatiko (P.S.Viana) kaj prezentado de du animaciaj filmoj, kiuj kaŭzis entuziasman diskutadon-interpretadon flanke de multaj el la ĉeestantoj.

Komence kaj fine de la evento, Lorena Esperanto-Klubo regalis la partoprenantojn per varia kaj bongusta lunĉo. La proksima Renkonto en la Paraíba Valo estas programita por la monato novembro 2017, en ŝtato Rio-de-Ĵanejro. (Paŭlo S. Viana).

## Raporto pri VINA 2017



La 4-a Vintra Aranĝo de Esperanto (VINA) organizita de la Brazila Esperantista Junulara Organizo (BEJO) okazis en Belorizonto, Minas-Ĵerajso, Brazilo, de la 12-a ĝis la 15-a de oktobro. Ĝuis la belecan, artan kaj kulturan etoson, 24 homoj el 2 subŝtatoj de Brazilo.

Ni komencis nian aranĝon, kiu estis unuafoje okazigita en Belorizonto, per vizito al la Ĉefa Bazaro de Belorizonto, kie oni precipe vendas artaĵojn, dolĉaĵojn kaj tradiciajn manĝaĵojn de Minas-Ĵerajso. Poste, oni ĝuis tre bongustan manĝaĵon ĉe la vegetarana restoracio 'Bem Natural'. Proksime de ĉi tiu restoracio estas la Placo de la Libereco, kiu estas unu el la plej belaj placoj de tiu urbo.

Tie ni vizitis du artajn centrojn el la kvar kiuj oni trovas tie: la Kultura Centro de Brazila Banko kaj la Muzeo de Minoj kaj Metaloj. En la Muzeo de Minoj kaj Metaloj estas fiksaj ekspozicioj pri la historio de la metaloj kaj ŝtonoj. En ĝi oni lernas pri la min-ekspluatado, la ĉefa ekonomia aktiveco de Minas-Ĵerajso. Fernando Maia, financa direktoro de Brazila Esperanto-Ligo, estas geologo kaj multe nin instruis pri la formacio de la ŝtonoj. Nokte ni manĝis tre bongustajn picojn.

Dum la dua tago, ni vojaĝetis ĝis la urbo Brumadinho, 60 km for de Belorizonto. En ĝi, ni vizitis la Instituton Inhotim, centro de nuntempa arto, kiu estas konsiderata unu el la plej grandaj muzeoj subĉielaj de la mondo. La instituto okupas areon de ĉirkaŭ 700 hektaroj. Granda parto konsistas el praarbaroj konservataj. 100 hektaroj estas la vizitebla areo, kie troviĝas la artaĵoj, du restoracioj, kafejo kaj vendejeto de memoraĵoj. Tiu tago estis unu el la plej varmaj tagoj de la jaro, kaj ni ĝuis la naĝejon de la instituto por refreŝiĝi.

La vizito al la Urba Parko estis la unua aktivaĵo de la tria tago. La parko estis fondita en 1897 kaj estis planita en la romantika angla stilo. En ĝi estas tri lagoj, unu teatro kaj ĉirkaŭ 280 specoj de arboj. Ĉe la bela

pejzaĝo ni matenmanĝis kaj ludis tre popularan ludon: homlupon. Vespere ni suriris la montojn de Belorizonto por viziti la Placon de la Papo tie, kie oni povas rigardi la tutan urbon. Ni daŭris tie ĝis la sunsubiro. Ni finis la tagon en la Soho Orbi Pub & Games, kie ni manĝis frititajn terpomojn kaj ludis kelkajn tabulajn ludojn.

Dimanĉe matene, la lasta tago de la aranĝo, ni vizitis la Bazaron de Artaĵoj kaj Manlaboraĵoj kiu okazas ĉiudimanĉe antaŭ la Urba Parko. Serĉante ombron, ni iris al la parko kaj finis nian aranĝon spektante poeziajn deklamojn de homoj kiuj vizitas la parkon. Post la fino de la aranĝo, inter la partoprenintoj restas unu sola sento: ni multe sopiros tiujn tre bonajn momentojn.

## 6-a Esperanto-Renkontiĝo de la Centrokcidenta Regiono



Gojasa Esperanto-Asocio (EAGO) kaj Taguatinga Esperanto-Klubo (TEK) okazigis la 6-an Esperanto-Renkontiĝon de la Centrokcidenta Regiono, en la turisma urbo Caldas Novas, Goiás, la 7an / 8an de julio 2017. Ĉiuj aranĝoj havis lokon en la salono de la Komerca kaj Industria Asocio de Caldas Novas. Ĉeestis tiun gravan eventon 36 homoj el Gojaso, Braziljo, Matogroso kaj Sudmatogroso.

Prelegis pri la ĉeftemo – Turismo kaj Esperanto – nia samideano Arnaldo Rebelato, okaze de la Solena Malfermo. Post la prelego, Álvaro Luiz Rodrigues Dias kaj Bruna Brasil kantis kanzonojn en Esperanto.

La 8an, sabate, okazis prelegoj dum la tuta tago. Jen la temoj kaj la prelegantoj: "Legado de Esperanta literaturo", Néia Lúcia Souza; "Organizo de UEA", Fábio Santos; "Aspektoj de la E-movado en Braziljo", Sônia Lúcio; "Sociala lingvo – lerni Esperanton kaj ŝanĝi la mondon", Fabrício Valle; "Nia sperto pri gastigado de eksterlandaj esperantistoj hejme", Darci kaj Terezinha Sardinha; "Eminentaj esperantistoj el Sudmatogroso", Ataíde Diniz de Godoi.

Fine de la evento, Sônia Maria Alves Lúcio, prezidantino de Esperanto-Asocio de Brasília, ricevis la esperantan flagon, ĉar la Sepa ERCOR okazos en la venonta jaro en la ĉefurbo de Brazilo, sub la aŭspicio de EAB.

**30º Encontro Esperantista da Zona Oeste:**
**Ismael Gomes Braga (Vida e Obra)**

**Data: 26/11/2017**

**Hora: 08:30h ás 13:00h**

**Local: Colégio Francisco de Assis**
**Rua Goulart de Andrade, 221**
**Realengo - Rio de Janeiro**

**Informações: ekor.esperanto@yahoo.com.br**

# FLORIANO NEGREIROS DE VASCONCELOS PESSOA (1934/2017)



En Rio-de-Ĵanejro, Brazilo, mortis la 9an de aŭgusto 2017 Floriano Pessoa, elstara brazila esperantisto, en la aĝo de 83 jaroj. Lia korpo estis entombigita ĉe la Tombejo *Caju*, situanta en la sama urbo.

Li naskiĝis en Manakapuruo[1], ŝtato Amazono, la 11an de februaro 1934, kaj transloĝiĝis al Rio-de-Ĵanejro en 1953, kie li diplomiĝis pri kemia inĝenierarto. En 1954, Floriano esperantistiĝis. Li mem klarigas la aferon en intervjuo al Brazila Esperantisto:

*"Mi konatiĝis kun Esperanto dum la vojaĝo, kiun mi faris, por transloĝiĝi de Manaus al Rio. La ŝipo haltis plurloke, interalie en Recife, Pernambuko. En tiu urbo, mi promene pasis preter librovendejo, en kies montro-fenestro troviĝis Esperanta lernolibro. Mi aĉetis la libreton, kiun mi ankoraŭ ĵaluze konservas: 'Primeiro Manual de Esperanto', portugalen tradukita de Ismael Gomes Braga, el la franca eldono de* ***Librairie Centrale Esperantiste****. Foliumante la libreton mi trovis la enhavon tre interesa, tamen mi devis kelkan tempon rezigni pri ĝi, pro la nepra neceso atenti la eniro-ekzameno al universitato.*

*Kelkajn monatojn poste, jam en 1954, mi unuafoje vizitis la sidejon de Brazila Esperanto-Ligo, Praça da República, 54, Rio-de-Ĵanejro, kie mi vere debutis kiel esperantisto kaj, je la unua fojo, aŭdis la internacian lingvon, ĉar ankaŭ ĉeestis pastro Kao, ĉina katolika religiulo, kiu vigle parolis, en Esperanto, kun la tiama prezidanto Carlos Domingues."*

Li laboradis 36 jarojn kiel kemia inĝeniero en la ŝtata entrepreno Petrobras.

Dum multaj jaroj, Floriano Pessoa estis instruisto de Esperanto ĉe BEL, en Radio Roquete Pinto, en Instituto por blinduloj de Rio, kaj en kursoj per korespondado, en niveloj elementa, supera kaj profesora. Inter liaj lernantoj ni povas mencii Jorge Campos, Symilde Ledon, Celio Freitas Martins kaj multajn aliajn.

Li prelegis en kongresoj kaj artikolis por la gazetaro. Ekzemple, la 11an de decembro 1982, en la sidejo de Brazila Esperanto-Ligo, okazis prelegoj honore al Zamenhof. Tiam, Floriano paroladis pri *"Zamenhof – tradukisto kaj verkisto"*.

Floriano prelegis ankaŭ en la 31a BKE (Ĵuiz-de-Foro, 1995), kies temo estis: "Pri la Esperanta tradukarto".

Okaze de la 42a Brazila Kongreso de Esperanto, en Rio-de-Ĵanejro (2007), Floriano faris belegan prelegon pri la signifa temo: *"La oratoro de Esperanto"*. En tiu parolado, li reliefigis la kompetentecon de Ivo Lapena, kiel imitindan modelon de Esperanta oratoro.



Floriano verkis artikolojn por naciaj kaj internaciaj gazetoj. Estas malfacila tasko kolekti ĉiujn skribaĵojn de tiu eminenta esperantisto, sed en la revuo Brazila Esperantisto, junio 2000, aperas lia artikolo *"Amatora Lingvistiko."* Por alia n-ro de la sama revuo, decembro 1996, li faris recenzon pri la verko *"Não só idealistas, mas realizadores"*. Ankaŭ en la n-ro de decembro 2008 de BE, Floriano aperigis sian artikolon *"Esprimoj por via sliparo"*.

Floriano estis kompetenta tradukisto. Li esperantigis, ekzemple, la rakonton *"La lignokomercisto"*, de Aluísio de Azevedo, publikigita de Brazila Esperantisto, n-ro de januaro/marto 1997.

Floriano Pessoa scipovis Esperanton ĝisfunde. Li plurfoje diris, kiel li perfektiĝis en nia lingvo: *"La lernado okazis, kaj plue fariĝis, per atenta legado, ne nur de lernolibroj kaj vortaroj, sede ĉefe de bonstilaj verkistoj kaj precipe de klasikaj aŭtoroj. La komparado de tradukoj kaj de iliaj originaloj ankaŭ estas potenca progresiga forto. Kaj, kompreneble, la ofta, ĉiutaga uzado de la lingvo, ekzemple per la komputila reto, kaj kontaktoj kun tutmondaj samideanoj, en kongresoj kaj renkontiĝoj, tio kompletigas la lerno-procezon."*

Li estis dumviva membro de Brazila Esperanto-Ligo kaj faka delegito de Universala Esperanto-Asocio pri *"Petrolindustrio"*.

Floriano ludis gitaron kaj ankaŭ estis bona ŝakludisto. Li sukcesis la unuan lokon en pluraj disputoj inter la laborantoj de Petrobras, kaj en pluraj ŝakturniroj de la urbo Rio-de-Ĵanejro kaj eĉ de la samnoma Ŝtato.

En la pasinta jaro, li publikigis la verkon *"Vintra Rikolto"*, en kiu estas tekstoj pri lia intensa travivado en la brazila Esperanto-movado. ■




Pri landnomoj legu la 14-an paĝon.

Farita per: 

Remetente:
Liga Brasileira de Esperanto
SDS, Ed. Venâncio III - sala 303
70393-902 Brasília-DF

*Fechamento autorizado. Pode ser aberto pela ECT*

Pri landnomoj legu la 14-an paĝon.

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Liĥtenŝtejno | Litovujo | Luksemburgo | Madagaskaro | Makedonujo | Malajzio | Malavio | Maldivoj |
| Malio | Malto | Maroko | Marŝaloj | Maŭricio | Maŭritanio | Meksiko | Mikronezio |
| Moldavujo | Monako | Mongolujo | Montenegro | Mozambiko | Namibio | Nauro | Nederlando |
| Nepalo | Niĝerio | Niĝero | Nikaragvo | Nord-Koreujo | Norvegujo | Nov-Zelando | Omano |
| Orienta Timoro | Pakistano | Palaŭo | Panamo | Papuo-Nov-Gvineo | Paragvajo | Peruo | Polujo |
| Portugalujo | Ruando | Rumanujo | Rusujo | Salomonoj | Salvadoro | Samoo | Sankta Kristoforo kaj Neviso |
| Sankta Lucio | Sankta Vincento kaj Grenadinoj | Sanmarino | Santomeo kaj Principeo | Sauda Arabujo | Sejŝeloj | Senegalo | Serbujo |
| Sieraleono | Singapuro | Sirio | Skotujo | Slovakujo | Slovenujo | Somalujo | Srilanko |
| Sud-Afriko | Sud-Koreujo | Sudano | Surinamo | Svaziujo | Svedujo | Svisujo | Taĝikujo |
| Tajlando/Tajujo | Tajvano | Tanzanio | Togolando | Tongo | Trinidado kaj Tobago | Tunizio | Turkmenujo |
| Turkujo | Tuvalo | Ugando | Ukrainujo | Unuiĝintaj Arabaj Emirlandoj | Urugvajo | Usono | Uzbekujo |
| Vanuatuo | Vatikano | Venezuelo | Vjetnamujo | Zambio | Zimbabvo | Esperanto | |